# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 30/01/2014 Cent kvindeka Eldono 01/02/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**




**SENDATA AL 273** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la Retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



24/01/14 elsendita

### Kiel germanoj reinventas anglajn vortojn

ktp, ktp,ktp ĝis………

La plej konata vorto en la germana kiu ŝajnas esti angla, estas la vorto "Handy" por ĉeltelefono resp. poŝtelefono. Ĝi estas pruntita el la angla kaj tie signifas "praktika, taŭga". Poŝtelefono aliflanke en la angla estas "cell phone" aŭ "mobile phone". Fakte tiu esprimo jam estas malaperonta, ĉar plej multaj poŝtelefonoj hodiaŭ estas kompufonoj (en la angla "smart phones") kaj verŝajne ankaŭ la kompufono baldaŭ fariĝos tiom normala ke ne plu necesos aparte distingi ĝin per propra vorto, do en la angla restos "phone" por la ĝenerala uzo.

En Esperanto simile oni simple parolos pri "telefono", ĉar la poŝtelefono pli kaj pli fariĝas la normala telefono. La pruntado de anglaj vortoj en la germana tamen daŭros. Tio tamen tute ne akcelas la internaciecon, ĉar en aliaj lingvoj oni elektas aliajn eblecojn por esprimi ion

novan. Tiu enkondukado de anglaj vortoj en la germanan fuŝas la germanan ortografion, ĉar en unu vorto ekzemple la radiko povas esti angla, sed la gramatikaj prefiksoj kaj sufiksoj estas germanaj. Tio estas tre forta kontrasto al Esperanto kie ĉiam ĉiu litero rilatas al difinita fonemo.

Esperanto ne nur en tiu punkto estas la pli bona alternativo.

Ctrl+alklaku la ligon, kaj aŭskultu

# Bona propaganda punkto

En Hungario miloj da gestudentoj ĉiujare lernas Esperanton ĉar Esperanto estas elektebla lingvo kiel antaŭfako por universitataj studoj

# "Helpu lanĉi Esperanto-Televidon



La dua filmado por la Esperanto-TV-kanalo denove okazis en la oficejo de iStreamStudio en Manlio. Richard Delamore intervjuis Rainer Kurz pri lia Esperanto-filmkonkurso. Poste Rainer faris Esperanto-lecionon pere de la Cseh-metodo (lernado sen uzo de nacia lingvo). Ankaŭ niaj E-gastoj de Polujo (Halinka kaj Tadejo) kaj Koreujo (Lumera) kontribuis je la filmado. La filmado daŭris la tutan sabaton. La Interrettelevida kompanio iStreamStudio denove donis sian spacon kaj profesiajn kameraojn por filmi.

Necesas klarigi ke la partnereca kunlaboro de la Esperanto-TV-kanalo kun iStreamStudio bone helpas ambaŭ flankojn atingi siajn celojn. Ambaŭ volas atingi multe da spektantoj pere de altkvalita Esperanto-enhavo. iStreamStudio por rigardantoj de siaj kanaloj, kaj la E-movado por informi Esperantistojn kaj propagandi Esperanton.

Se vi deziras helpi Esperanto-Televidon sukcesi, vi povas fari tion laŭ jenaj metodoj:

o Liverado de altkvalita flimmaterialo (Rainer jam donis la intervjuon kun Nobelpremiito Reinhard Selten kaj la filmojn de la filmkonkurso).
o Kunlaboro rekte en la studio de Esperanto-televido aŭ distance je via hejma studio.
o Donaco/luado de spaco kaj produktiloj.
o Financaj kontribuoj.
o Diskonigo pri la ekzisto de Esperanto-televido al viaj amikoj ĉirkaŭmondaj.

Por helpi ne hezitu kontakti la teamon ĉe info@esperantotv.net



Fejsbuko: www.facebook.com/LaEsperantoTV Retejo: http://esperantotv.net/
Amike Dmitri

---

# La radio stacio 3ZZZ




Mi bedaŭras ke Bharat forflugis tro frue por viziti la studion de la radio stacio 3ZZZ. Tamen Indu Thapalia kies restado en Melburno estas pli longa, atingis la studion malgraŭ la komplikaĵoj de la publika transportsistemo dum feria tago kaj prenis parton en nia programo.

Ŝi parolis pri la Esperanto movado en Nepalo, emfazante ke tie la esperantistoj estas plejparte junaj. Se vi deziras tion aŭskulti tio eblas ĝis venonta lundo je la adreso www.3zzz.com.au kaj poste je la adreso www.melburno.org.au
Informo de la kunvokanto Franciska Toubale Mi aldonis foton de Indu en la studio

---

# KOMENTO PRI "KIEL INFANOJ LERNAS PAROLI"(AE108)



Kompreneble infanoj jam havas la gramatikon en la instinkto. Oni jam longe scias tion. Multaj korpaj kaj mensaj kutimoj estas en la instinkto, kaj ankaŭ kelkaj gramatikaj reguloj. Ilin la infaneta menso plifortigas dum neinstinkta lernado per observado kaj deduktado kaj ripetado. Dum mi samopinias kun Chomsky pri tio, kaj pri postaj lingvlernteorioj liaj, mi trovas lian matematikan klarigsistemon de la gramatikaj reguloj ĉarlatanaĵo . Mi universitate klarigis mian tian opinion, kaj ĝi pluas. Mi tamen admiras lian fortan pacifismon.

La infano tamen devas lerni multon plian pri la gramatiko, same kiel ĝi instinkte suĉas la mamon sed poste devos lerni suĉi cigaredojn kaj glacibastonetojn.
(Ref.: A.E. n.ro 108 paĝe 1). Marcel.

# ĈU "VIRPATROJ" KAJ "PATRINOJ"?



Volo tute pravas pri –ino, ĉar neniu uzas la radikojn reĝ- kaj vir- kaj patr- ktp por ambaŭ seksoj., "La reĝoj de la mondo" neniam uzatas por "La virreĝoj kaj la reĝinoj". Nek frato kaj pluraj aliaj. (A.E. 108 p. 5). Sed la Esperantistoj, kaj jam Zamenhof, komencis akcepti alian regulon (i.a. Wennergren'an kaj Nicole'an), kiu diras ke por profesioj ktp. ni akceptu ambaŭ seksojn en la baza radiko, tiel ke "artistoj" signifas virartistojn kaj artistinojn. Tio ne logikas, kaj tial Volo rajte postulas, ke ni traktu tiujn vortojn kiel nur virajn kaj devas uzi la ino-formon por la "malviroj". Mi simpatias kun tiu logiko, kaj por ambaŭ seksoj ni ja povas uzi "geviroj" kaj "geartistoj" kaj "geprofesoroj" kaj "geinstruistoj".

Estos tamen malfacila batalo ŝanĝi la kutimon. Mi ankoraŭ ne decidis, ĉu valoras, ĉar ĉu do "aŭstralianoj" estas nur viroj kaj ambaŭ seksoj devas esprimati ĉiam kiel "geaŭstralianoj"? La lingvo fariĝus tre peza kun la, tamen ĝusta, logiko de Volo.

Kaj ĉu "artista kunlaborado" referencas nur al viroj, kaj por virinoj ni diru nur "artistina kunlaborado"? Kaj por ambaŭ "geartista kunlaborado"?

Ĉu pliaj opinioj? Marcel.

# Raporto de la Kanbera Esperanto-Filmfestivalo

de Marc Schmidt



La Kanbera Esperanto-Filmfestivalo okazis dum la Aŭstralia Esperanto-Somerkursaro kaj Kongreso. Je la meza tago de tiu malgranda, longa (9-taga) somerkursaro/kongreso, ni kongresanoj estis kontente komfortaj. Ni alkutimiĝis al la aliaj kongresanoj (ĉirkau 45), al la loko (Ursula Hall, Aŭstralia Nacia Universitato), la vetero (strange malvarma), kaj la kongresmaniero. Ni lernis Esperanton, ekskursis, kaj aŭskultis prelegojn dum pluraj tagoj. Do, la vespero de la meza tago estis tre bona por rigardi festivalon de mallongaj filmoj.

S-ro Rainer KURZ estas la fondinto kaj gvidanto de la festivalo, kaj li ankaŭ estis kongresano. Germana, altstatura kaj karisma, li volis fari ion specialan kaj kreeman por la 125a datreveno de la naskiĝo de Esperanto, en 2012. Do, li kreis Esperanto-filmkonkurson. Li reklamis pri la konkurso, amasigis la filmojn, montris la plej bonajn. Tiam la filmo Pasporta Servo gajnis. En Januaro 2014, S-ro Kurz ree prezentis plurajn de tiuj filmetoj kiel la Kanbera Esperanto-Filmfestivalo.

Ni kongresanoj sidis en la ĉefejo de la kongresejo; granda, komforta, tapiŝo-kaj-sofo-plena ĉambro kun grandaj fenestroj kaj dikaj kurtenoj. S-ro Kurz parolis iom pri la konkurso, ekzemple la naskiĝo de la ideo, la maniero por amasigi la filmetojn. Li ankaŭ skribis liston sur blanktabulo: kiuj estas bonaj celoj por filmkonkurso? Ni diskutos tion post la rigardado de la filmoj. Do, ni komencis rigardi la filmojn.

El 34 filmoj en la DVD, ni vidis 19 filmetojn en nia filmfestivalo, de Eŭropo, Sud-Ameriko, Afriko, Azio (sed ne el Aŭstralio!) Estis tre bona okazo. Iuj el la filmoj estis tre bonaj, en iuj mankas iom da boneco. Iuj ŝajnis tre profesiaj, iuj malprofesiaj; iuj estis formalaj, iuj estis personaj kaj ĉarmaj. Temoj de la filmoj estis ĉefe kulturfilmaj, intervjuaj, muzikaj. En pluraj filmoj mankis sufiĉe da Esperanto, sed kompreneble aktori kaj teatrumi esperante estas malfacile! Entute, tamen, la temo de la vespero estis pri kreemo, imagpovo, amuzeco, intereseco. Bona fenestro tra kiu oni povis vidi multajn aspektojn kaj anojn de Esperantujo.

Ni ricevis voĉdonilojn antaŭ ol rigardi la filmojn por elekti niajn plej ŝatatajn filmojn, el 16. (Ni ne elektis el la tri gajnintaj filmoj de la originala konkurso, nome Pasporta Servo, Ideevolution, kaj Ĉu Vi Imagas?, sed post la voĉdono ni vidis tiujn).

Post kiam ni rigardis la filmojn, ni voĉdonis por la plej bona filmo. Filmo n-ro 7, Esperanto Muzikigas Vian Vivon, de Ding Xiaosong gajnis la unuan premion de la rigardantoj; atestilon kaj simbolan monpremion de 50 aŭstraliaj dolaroj de la Aŭstralia Esperanto-Asocio. (Laŭ la unua voĉdono, tiu filmo egalvenkis kun n-ro 8, Esperanto Geedzigas. Tamen, n-ro 7 venkis post voĉdona egalvenko-rompilo (tie-breaker)).

Ĵus antaŭ ol la festivalo fermiĝis, s-ro Kurz demandis al ni ĉu la celoj, kiujn li antaŭe skribis sur la blanktabulo, plenumiĝis. Ni konsentis ke plejparte la celoj ja plenumiĝis.

Mi opinias ke la konkurso, kaj la mezkongresa rigardado de la filmoj dum la Aŭstralia Kongreso, estis sukceso. Mi esperas ke S-ro Kurz estontece refaros Esperantan filmkonkurson.

## seruro

Enŝteliĝis eraro sur paĝo 5 de AR 149: Ŝloso devus esti ''seruro''. Tio estas en la artikolo pri filmado. Saluton, Volo Gueltling

## SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO



# La Brisbana Esperanto-Societo



Dum 2013, membroj de la Brisbana Esperanto-Societo kunvenis dekfoje ĉe la Centra Urba Biblioteko; kutime, estas 6 ĉeestantoj; ni ĝuis lecionojn kaj gramatikajn ekzercojn. Post tiu kunveno ni kafumis ĉe apuda kafejo por konversacio. Kay kaj Erhard preparis lecionojn kaj ekzercojn. La

Societo abonas al UEA kaj elektronike ricevas la bultenon "Esperanto". Ni daŭrigas nian abonon al "Meet-Up" por informi la Brisbanan komunumon pri niaj kunvenoj. Ni ankaŭ abonas al AEA. Peter regule aldonas mesaĝojn al nia "Facebook" paĝo.
Amike, Kay Anderson 07 3848 4428

## Dancvespero en Kanbero



Ĉu iu el vi partoprenis jam Esperanto-diskotekon en Aŭstralio? Se ne, tiu en Kanbero dum la januara Somerkursaro estis la unua tia. La disk-ĵokeo estis Alan Bishop, sperta muzikisto kaj 3zzz-kunlaboranto. Pli ol dudeko da homoj gaje dancis laŭ de li elektitaj kantoj. Certe sukcesa aranĝo. Venonjare eble ankaŭ la aliaj, iom pli aĝaj esperantistoj, volonte kundancos – je iom pli tradiciaj melodioj. Kial ne?

## Instruado

Dum la januara Somerkursaro okazis la tradiciaj tri niveloj de instruado. La komencantojn instruis juna kanberano Giles Thomson, la mezan nivelon nepalano Bharat Ghimire kaj la trian gradon Trevor Steele el Adelajdo. K.Steele







## Fotoj petataj

Maria Staykova, kiu prezentis pri sia onklino Belka Beleva dum la kongreso en Kanbero ŝatus fotojn kun ŝi.
- De ŝia prezentado
- De la sabata ekskurso al la "Deep Space Station"

Jen la retadreso: rossandmaria@grapevine.com.au informis Sandor

**La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj**

| First name | Family Name | First name | Family Name | First name | Family Name | First name | Family Name | First name | Family Name | First name | Family Name |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Abid | Afridi | Chan | SY | Graham | Fennell | John | Garvey | Mark | Pavic | Robert | Hoogenboom |
| Adam | Olechnowic | Charles | Stevenson | Gregg | Libby | Jonathan | Cooper | Martin | Gray | Robert (Bob | Bain |
| Adrien | FOLLIN | Chris | Krageloh | Gus | Faith | Jonathan | Moylan | Marumi | Smith | Roger | Springer |
| Alan | Turvey | Chris | Morrow | Halinka | Ejsmont | Jorge | Gallegillos-Poz | Mary | Mills | Roger | Hill |
| Alan | Bishop | Christine | Paul | Happax | Legomenon | Kam | Lee | Mason | White | Ronald | Gates |
| Alan | Mendelawitz | Christine | Holliss | Harold | SĈmitz | Karin | unknown | Matthew | Maguire | Rouan | van Ryn |
| Alan | Dean | Claudia | Layton | Hazel | Green | Katarina | Taggart | Matthew | Meldrum | Sandor | Horvath |
| Alan | Collinson | Colin | Robinson | Heather | Heldzingen | Katja | Steele | Max | Wearing | Sandor | Monostori |
| Alida | Leereveld | Crystal | Hill | Helen | Webb | Kay | Andersen | Michael | Waters | Sandra | Connors |
| Amanda | Markham | Dale | McManus | Helen | Palmer | Kehui | Bao | Michael | Zhang | Shane | Leddin |
| Amy | Regal | Dan | no name | Henriette | Vanechop | Keith | Bowling | Mick | Gallagher | Shayne | Power |
| Andre | Samosir | Daniel | Kane | Henry | Broadbent | Ken | Rolls | Mike | Taggart | Shirley | Gradussov |
| Andrea | Witt | Daniel | Forrest | Hermann | Kroppenberg | Kep | Enderby | Mikel | Rizo | Shresta | Kishor |
| Andrew | Adams | Danton | Black | Herve | Diviciacos | Kerry | Robson | Miranda | Lutz | Sibel | Lewis |
| Andrew | Maybury | David | Dalgleish | Howard | Gravatt | Kevin | Warburton | Morgan | Day | Sidney | Wolifson |
| Andrew | Lutz | David | Dewar | Hugh | Malcolm | kevin | kenefick | Nancy | Roy | Siu | Chan |
| Andrew | Spannenberg | David | Ryan | Humphrey | Tonkin | Kiah | Morante | Nicole | Else | Stephen | Landman |
| Angela | Chin | David | Kidd | Ian | McArthur | Kieu Tu | Duong | Nigel | unknown | Stephen | Pitney |
| Angela | Maag | Dennis | Murphy | Ian | Green | Kirsi | Rossi | Owen | Loneragan | Steven | Garamy |
| Anne | Sanders | Dianne | Lukes | Ian (Jano) | Wylles | Lauren V | Smith | Pamela | Fenton | Svetislav | Kanachki |
| Archana | Joshi | Dianne | Mitchell | Indrani | Beharry-Lall | Laurie | Kirwan | Patricia | Palmer | Szilvasi | Laszio |
| Barbra | Stephen | Dmitri | Lushnikov | Indu | Thapalia | Lenny | g-----b | Patrick(Lize | Zhang | Teodomiro | Clavis |
| Barbra | Treharne | Donald | Rogers | Ivan | Pivac | Leonie | McGlashan | Paul | Burger | Terry | Manley |
| Barrie | Cledsmith | Doug | Eising | Jaga | Oprzedek | Lev | Lafayette | Paul | Desailly | Thomas | O'Gliasain |
| Barry | Healy | Duncan | McDonald | Jaiden | Golding | Libby | Farris | Paul | Gorny | Tim | Warren |
| Benjamin | Hook | Dzejlana | Haveric | James | McElvenny | Linda | Danzer | Paul | Green | Tim | Stackpool |
| Beth | Wearing | Edith | Mejia | Jane | Allen | Linda | Fields | Paulo | Cesar | Todd | Herbert |
| Beth Maree | Shields | Edna | Watson | Jared | Martin | Ljiljana | Popovic | Penny | Vos | Trevor | Steele |
| Bettie | Hart | Eko | Nur Hidayat | Jason | Covell | Louise | Blyton | Peter | Bird | Trish | O'Connor |
| Betty | Chatterjee | Eleanor | Perno | Jay | Mooney | Luke | Marsillo | Peter | Cummins | Utho | Maier |
| Bharat | Ghiomire | Elizabeth | Mortimer | Jennifer | Birchall | Lumera | Nohill | Peter | Wilshire | Valencia | Tan |
| Bill | Starke | Elrae | Adams | Jenny | Bishop | Marc | Schmidt | Peter | Mitchell | valery | matushkov |
| Birgitta | Carney | Erhard | Claus | Jim | Radford | Marc | James | Peter | Burgoine | Vera | Payne |
| Blaze | Doric | Erin | McGifford | Jo | Turvey | Marcel | Leereveld | Peter | Weide | Vicky | Crickett |
| Bob | Felby | Esperanta | Retradio | Joanne | Johns | Marcus | Gabor | Philip | Nichols | Volo | Gueltling |
| Bona Volo | Brazilo | Esther | Parris | Joffre | Bell | Marcus | Dohring | Philip | Smart | Yaw | Badu |
| Bradley | McDonald | Finnur | Larusson | John | Gallagher | Margaret | Chaldecott | Rainer | Kurz | Yvan | Serve |
| Brendan | Linnane | Franciska | Toubale | John | Massam | Margaret | Yue | rani | lyons | Yvan | Serve |
| Brian | Barker | Fujun | Xiao | John | Lang | Margarita | Pavlova | Rees | Pearse | Yvonne | Harvey |
| Brian | Dance | Gerry | Phelan | John | Casey | Maria | Jojkitty | Renato | Corsetti | | |
| Brodie | May | Giles | Thomson | John | Forbes | Marika | Fox | Renjo | Oren | | |
| Caitlin | McCluskey | giri | Rao | John | Calder | Marina | Lobanova | Richard | Delamore | | |
| Carol | Lutz | Glyn | Truscott | John | Fleming | Marja | Niesen | Richard | Marcus | | |
| Caroline | Turner | Gordon | Coleman | John | Adams | Marjorie | Johnson | Richard | Penman | | |
| Catherine | Chen | Grace | Alvarez | John | Abood | Mark | Smith | Robert | Budzul | | |

Individuaj ricevantoj de Esperanto-elsendaĵoj per la reto kaj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

La noma listo de "Aŭstraliaj Esperantistoj" havas homojn kun konata nomo kaj retadreso

Se vi deziras ke via nomo estu sur tiu listo de ricevantoj, abonu! rogerspringer@tpg.com.au

Se vi deziras ke via nomo ne estu sur tiu listo de ricevantoj, malabonu!

Se vi deziras ke nomo de familiano estu sur tiu listo de ricevantoj, informu min.

Mi povas krome plusendi mesaĝon al individuo kiu estas en la supra listo.

Mi ne donas adresojn al petantoj.

Viaj leteroj al AE, devas montri vian nomon kaj se vi deziras, retadreson se vi akceptas, ke ĝi estu montrata post via letero.

Mi ne aldonas iun ajn retadreson se la skribanto ne mem faras tion.

Ĉu vi ŝanĝos vian retadreson? Informu min. rogerspringer@tpg.com.au;

La adresaro de "Aŭstraliaj Esperantistoj" estas uzata krome por sendi Tamen Plu, Telepeon, urĝajn anoncojn kaj se vi deziras, vian bonan ret-gazeton al ĉiuj homoj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' (AE) publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj.

Skribu al ĉirkaŭ 270 individuaj legantoj, sed en Esperanto, mi petas.

La Novaĵletero Aŭstraliaj Esperantistoj estas elsendata almenaŭ unufoje semajne

La novaĵletero 'Aŭstraliaj Esperantistoj' subtenas liberan sinesprimon kaj honestajn kaj senkaŝajn artikolojn. Sed ni rezervas la rajton modifi aŭ forigi viajn komentojn se ni konsideras ilin esti ofendaj aŭ tro malrespektaj. Ni nun provlegas ankaŭ la leterojn kaj korektas la mistajpojn kaj gramatikajn erarojn.

Se oni prokrastas ĝis perfekto, oni faras nenion, ĉar la morto atendas vin.

Ne Ĉagreniĝu! sed Parolu!, Skribu!,

http://ckuik.com/Esperanto Eniro je Multegaj Esperantaj videoj de Jutubo

Filmetoj de Gian Piero Savio **http://vimeo.com/album/2111699**

http://www.bookbox.com/ La rakontoj estas laŭtlegataj de diversaj personoj

**LA ESPERO** Esperanta himno Bonega por kunvenoj

Esperanta kunkanto (Karaoke) kun A-cappella Ĥoruso

La gastĉambro de EFNSK devas esti antaŭmendita per estontaj gastoj.

Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn, kiuj ne antaŭmendis.

Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnon antaŭe. Tio helpas nin prepari la ĝastĉambron.

## Interesaj faktoj

Mezura sistemo havas metron logikan facilan sistemon ekde 1795.
Lingvoj havas logikan facilan Esperanton ekde 1887.

Ĉu lernanto preferus lerni la metran sistemon aŭ la britan sistemon?

Muziko havas bekflutojn (school recorders) por instigi studentojn lerni pri muziko.
Lingvoj havas Esperanton por instigi studentojn lerni pri lingvoj.

Esperanto estas la 27a lingvo en la listo de lingvoj laŭ nombro de artikoloj en Vikipedio (entute 285 lingvoj estas uzataj tie).

En Hungario Esperanto estas elektebla lingvo kiel antaŭfako por universitataj studoj. Miloj da gestudentoj ĉiujare lernas Esperanton kaj plejparte poste denove forgesas ĝin, ĉar mankas al ili la kontakto al la lingvo.

Senpaga Freelang vortaro estas tre uzinda kiam vi skribas, legas per komputilo
Plena Ilustrita Vortaro (PIV) estas surrete. http://vortaro.net/

## Uzu Esperantajn literojn **Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ**

**Por vindozaj komputiloj. Ek!** aŭ Tajpi aŭ vidu sube
Angle http://en.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters,
Esperante : http://eo.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters

La epoŝta programo "gmail" de Google transsendas la esperantajn literojn tute bone

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.

Nun vi povas lerni ankaŭ Esperanton per **lingibli.** http://eo.lingibli.com/

Kurso de **Esperanto** - Main page http://www.kurso.com.br/index.php?en

**lernu**! - Learn **Esperanto** online. Live tutors, dictionary, books & music **lernu**.*net/*

Rekomendata Legado
"Mirmekobo," de Donald Broadribb www.gazetejo.org/eo/mirmekobo
"Tamen Plu" de Katarina Taggart. Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Telopeo" de EFNSK Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Esperanto sub la Suda Kruco" AEA www.esperanto.org.au info@esperanto.org.au
Via kluba Novaĵletero? Laŭ peto, ni sendos retkopion al niaj konataj retadresoj
La ĉiutaga eldono Esperanta Retradio retpaĝo por aŭskulti kaj legi Esperanton
**http://esperantareradio.blogspot.co.at/**

Skajp-anoj, metu vian adreson ĉi tie. Skype name Mary Grace Mills (Orange NSK)

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu demisio nuligas respondecon pri informado?
Post ricevo de taŭga informo, mi tre ĝoje informos la legantojn kaj forprenos tiun peton

<la-bona-lingvo@googlegroups.com>, kiu okupiĝas pri trovo de ĝustaj aŭtentikaj Fundamentaj vortkunmetoj por la multegaj neologismoj; kaj tutmondeca-esperanto@yahoogroups.com, kiu okupiĝas precipe pri la pura gramatiko de Esperanto.

Eĉ la fuŝa studo de la angla faciligas la estontan studon de Esperanto en ne latin-alfabetaj landoj.

Ĉu vi havas solvon kontraŭ nia nevideco? Roger Springer. Eĉ ĉe AE multaj kluboj ne videblas.

## La Kluboj. Se la suba kluba informo eraras, ne plendu, informu min.

Roger rogerspringer@tpg.com.au

**3ZZZ Radio Melburno** http://esperanto-radio.com/3zzzradio

**La Manlia Esperanto-Klubo**. unua kaj tria Sabato. 10atm Roger Springer 02 9976 0632

La Brisbana Esperanto-Societo Kvara Sabato 1ptm Kay Anderson 07 3372 7006

La Brisbana Esperanto-Kafoklubo Kvara Sabato 3ptm

Esperanto-Grupo de Centra Marbordo Dua Dimanĉo 2ptm

La Tasmania Esperanto- Societo Jaŭde 7ptm

La Melburna Esperanto-Klubo Lunde 6.30ptm

Esperanto-Kafo-Klubo de Kanbero Vendrede 5ptm

Esperanto-Domo, Sidnejo Tria Dimanĉo 12tm Roger Springer 02 9976 0632

Torkio Esperanto-Kafo-Klubo, – Viktorio Unua Sabato 1ptm 03 5261 2899

Esperanto en Sudaŭstralio The Box Factory, 59 Regent St South, ADELAIDE unua merkredo 08 8242 1460

Adelajda Esperanto-Grupo, Adelajda Esperejo, 81/9 East Tce, ADELAIDE ĉiu sabato 08 8359 3375

Esperanto League of Western Australia Inc. unua kaj tria Sabato (08) 9343 9532.

Esperanto in Australia Meetup group.

ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO
NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO
TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO
SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO





